


# INTERNACIA FERVOJISTO

2010.3



*Fortreso en Belogradĉik*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Karaj amikaj gelegantoj

Post unu jaro, dum kiu mi estis ĉefkomitatano, en majo 1998 de Erna Hauge mi transprenis la taskon de redaktoro.

Dank'al vi, karaj legantoj, viaj interesaj verkaĵoj konstante nutris nian organon. Ĉiun duan monaton, helpate de nia revizoro Albert Gestin ni prezentis al vi pli ol sesdek IF-numerojn. Ĉiam harmonio svebis inter la legantoj kaj la redaktora skipo. Ni ege dankas vin pri tio.

Antaŭ tri jaroj, mi jam deziris transdoni la torĉon al alia kolego. Sed mi devis konstati ke neniu propono alvenis. Pro tio, same kiel por kelkaj aliaj estraranoj, pro la centjariĝo de IFEF, kiun ni festis en Triesto lastan jaron, mi daŭrigis mian taskon.

Post tiuj tri jaroj, denove mi petas anstataŭanton. Ĝis nun neniu propono pri redaktora tasko alvenis al nia ĉefkomitatano. Ĉu ni devas konkludi ke tiu posteno malaperos ? Ĉu nia movado povas vivi sen iu ajn informilo inter la membroj ? Ĉu ni survojas al apliko de la paragrafo 30 de nia statuto ; jes, tiu kiu rilatas al likvido de nia Federacio ? Mi ne povas imagi tion !

Mi bone scias ; kelkaj "konsilantoj " diras " oni ne forlasas la postenon kiam oni ne havas anstataŭanton". Facila diraĵo ĉu ! sed mi jam faris tion antaŭ tri jaroj sed ĝis nun ankoraŭ sensukcese. Post 12 jaroj de partopreno al la redaktado, ĉu mi ankaŭ ne rajtas ripozi kiam mi sepdekjariĝas ?

Tamen restas unu espero. Dum la venonta komitatkunveno en Sofio, mi ne povas imagi ke neniu sin deklaros preta por daŭrigi nian revuon. Kompreneble mi pretas helpi lin (ŝin) por la realigo de la unua venonta bulteno.

Mi tutkore salutas kaj redaktore adiaŭas vin.

La ***eksa*** redaktoro

**Frontpaĝe.** Belogradĉik elkreskas kiel strategia fortika loĝloko, kreata en la rokoj dum la unua jarcento. Nepre partoprenu la tuttagan ekskurson por viziti tiun unikan lokon ĉirkaŭbaritan per mirigaj rokaj formitaĵoj.

**Enhavo**




# Nia venonta 62-a IFEF-kongreso en Sofio (Bulgario)

Jaro 2010 postulas ke ni balotos por kelkaj estrarpostenoj. Post longa okupo en la estraro de IFEF, jam ne plu deziras sin proponi :

- d-ro Romano BOLOGNESI
- Inĝ István GULYÁS
- Marica BRETLIĆ
- Jean RIPOCHE

Alvenis tri kandidatproponoj al nia ĉefkomitatano. Jen sinsekve laŭ la alfabeta sinsekvo :

**Kongrespropono (estrarelekto) por la**
**62-a IFEF-Kongreso en Sofio**

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Franca Fervojista Esperanto-Asocio (FFEA) prezentas kolegon

**S-ino Sylviane LAFARGUE**

kiel kandidaton por tasko en la estraro de IFEF por la venonta oficperiodo 2010-2012.
- Ŝi naskiĝis la 24-an de septembro 1954 en Bergerac.
- Ŝi deĵoris ĉe la Francaj Ŝtataj Fervojoj (SNCF) kiel sekretariino.
- Ŝi membras en IFEF ekde 1990; multe kaj efike agadis kaj agadas en la fervojista E-movado.
- Ŝi partoprenis en multaj IFK kaj estis LKK-ano de la 59-a IFK en Parizo kaj de nuntempe ŝi agadas kiel
- FFEA-prezidanto,
- komitatano de FFEA en IFEF,
- fakadelegito en UEA.

*La FFEA-Sekretario*



Oficiala aprobdeklaro fare de FFEA favora al la kandidato
**Sylviane LAFARGUE**
por tasko en la IFEF-estraro

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Franca Fervojista Esperanto-Asocio (FFEA), konstatinte, ke nia kolego Sylviane LAFARGUE sindeklaris preta partopreni en la kunsidoj de la IFEF-estraro kaj de la IFEF-komitato dum la venonta oficperiodo 2010-2012, prezentas, subtenas kaj aprobas ŝian kandidatiĝan proponon por tasko en la IFEF-estraro.

*La FFEA-Sekretario*

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Rumana Fervojista Esperanto-Asocio (REFA) prezentas

**S-ino Rodica TODOR**
kiel kandidaton por tasko en la estraro de IFEF por la venonta oficperiodo 2010-2012.

- Naskiĝis la 13-an de majo 1948 en urbeto Videle, Rumanio ;
- Studis en la Universitato Bukureŝto – Fakultato pri psikologio ;
- Inter 1970-2007 deĵoris ĉe Rumanaj Ŝtataj Fervojoj(CFR) en la Hospitalo por fervojistoj de Braŝovo, kiel psikoterapeŭto ;
- En 2007 emeritiĝis, sed daŭre laboras en privata kliniko kiel psikoterapeŭto ;
- Ekde 1994 membras en Rumana Esperanto Fervojista Asocio(REFA) kaj en IFEF ; inter 1995-2009 partoprenis ĉiujn IFEF kongresojn ;
- Kadre de rumana fervojista E-movado :
    - ek de 1995 estis komitatano de REFA ;
    - gvidis plurajn E-kursojn por komencantoj kaj progresantoj ;
    - inter 2001-2010(septembro) havis la oficon de prezidanto de REFA ;

En tiu posteno, gvidis kaj organizis plurajn E-aranĝojn naciajn kaj internaciajn kiel :
- la Internaciajn Fervojistajn Esperantajn Skisemajnojn(IFES), okazintajn en 2002 (Predeal), 2007(Azuga), 2008(Poiana Braŝovo), 2009(Braŝovo), 2010(Fagaraŝi) ;
- la 57-an IFEF kongreson en Braŝovo; s-ino Rodica Todor estis LKK-ano.

- Ŝi agadis kaj agadas ankaŭ en la internacia E-movado :
- estas membro de UMEA kaj ILEI ;
- estas individua membro de UEA kaj fakdelegito pri fervojo ;
- ek de 2003 estas vickomitatano de IFEF ;
- en 2006, 2007, 2008 partoprenis rondiradon en Francio, kie ŝi prezentis Rumanion en pli ol 25 E-kluboj ;
- gvidis E-kurson en la kastelo Grezijono kaj nun gvidas E-kurson por 17 infanoj 12-14 jaraĝaj.

Nuntempe ŝi agadas kiel :
- REFA-prezidanto
- vicĉefkomitatano de IFEF



La REFA-Vicprezidanto
*inĝ. Rodica GIUHAT*

Oficiala aprobdeklaro fare de REFA favora al la kandidato
**Rodica TODOR** por tasko en la IFEF-estraro

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Rumana Fervojista Esperanto Asocio (REFA), konstatinte, ke s-ino Rodica TODOR sindeklaris preta partopreni en la kunsidoj de la IFEF-estraro kaj de la IFEF-komitato

dum la venonta oficperiodo 2010-2012, prezentas, subtenas kaj aprobas ŝian kandidatiĝan proponon por tasko en la IFEF-estraro.

La REFA-Vicprezidanto
*inĝ. Rodica GIUHAT*

µµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµ

Kongrespropono (estrarelekto) por la 62-a IFEF-Kongreso en Sofio

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA) prezentas kolegon

**S-ro Vito TORNILLO**

kiel kandidaton por tasko en la estraro de IFEF por la venonta oficperiodo 2010-2012.
- Li naskiĝis la 21-an de septembro 1958 en Calitri (AV).
- Li deĵoras ĉe la Italaj Ŝtataj Fervojoj (FS) kiel trajnestro kaj trafik-kunordiganto.
- Li membras en IFEF ekde 1989 ; multe kaj efike agadis kaj agadas en la fervojista E-movado.
- Li partoprenis en multaj IFK kaj estis LKK-ano de la 45-a IFK en Cervia 1993 kaj de la 61-a IFK en Trieste 2009.

Nuntempe li agadas kiel :
- IFEA-estrarano,
- komitatano de IFEA en IFEF,
- kunlaboranto en la Faka Komisiono de IFEF.



La IFEA-Sekretario Romano Bolognesi

Oficiala aprobdeklaro fare de IFEA favora al la kandidato
**Vito TORNILLO** por tasko en la IFEF-estraro

Laŭ la IFEF-Statuto § 18 kaj Cirkulero 1/2009 de la Ĉefkomitatano, la Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA), konstatinte, ke nia kolego Vito TORNILLO sindeklaris preta partopreni en la kunsidoj de la IFEF-estraro kaj de la IFEF-komitato dum la venonta oficperiodo 2010-2012, prezentas, subtenas kaj APROBAS lian kandidatiĝan proponon por tasko en la IFEF-estraro.

La IFEA-Sekretario
*Romano Bolognesi*

# Profitu la okazon en Sofio por partopreni la danuban programon

**Survoje al IFEF-kongreso, de Sofio**, eblas partopreni la ekskurson en Delta de Danubo (15-19.05.2010) laŭ la itinero : **Bukureŝto-Delta de Danubo-Bukureŝto (Programo)**

## Sabate 15.05.

**05h44 – alveno** de Sofio(forv. de Sofio,19h30) **al Bukureŝto** per trajno nr. 382
06h00 – 12h00, forvojaĝo al TULCEA ( matenmanĝo survoje )
12h00 - enŝipiĝo sur hotelŝipoj, tagmanĝo sur ŝipo

## Sabate – Marde tagmeze (15.05. - 18.05)

**La DELTO de DANUBO,** laŭ itinero, tranoktado sur **hotelŝipoj**** **(15/16, 16/17, 17/18.05)**

## Marde posttagmeze - 18.05.

mallonga vizito laŭlonge de **la marbordo de la Nigra Maro, vespermanĝo en la fama vinberejo Murfatlar. R**eveno kaj **tranokto en Bukureŝto (18/19.05)**

## Merkrede - 19.05.

08h00-09h00 matenmanĝo
10h00-12h00 vizito de la Palaco de la Parlamento
12h00-14h00 tagmanĝo
14h00-18h00 vizito de la ĉefurbo kun ĉiĉerono
18h00-19h00 vespermanĝo
19h00- libera programo*** kaj hejmenveturo

## *La prezo de la ekskurso estas 330 € kaj inkluzivas :

**tranoktadon, ĉiujn manĝojn, enirbiletojn, busvojaĝo por 5-taga ekskurso. Pli detale:**
- matenmanĝo 15.05
- ŝipveturado(15-18.05)
- vespermanĝo 18.05
- tranokto en Bukureŝto en dustela hotelo, kun matenmanĝo 18/19.05
- tagmanĝo kaj vespermanĝo 19.05
- enirbiletoj
- busvojaĝo, vizito per buso de la ĉefurbo

****La hotelŝipoj disponas nur po 9 du litajn ĉambrojn, moderne ekipitaj per duŝejo, necesejo, televido, aparatoj por refreŝigi la aeron kaj kontraŭ kuloj.**

**Pro tio, la nombro de la aliĝontoj estos limigita :**
- **17 personoj(por unu hotelŝipo) + unu gvidanto**
- **34 personoj(por du hotelŝipoj) + du gvidantoj**
- **51 personoj(por tri hotelŝipoj) + tri gvidantoj**

**Nepras plenumi ĉiujn lokojn de la hotelŝipo, alikaze la kostoj estos multe pli altaj.**

La interesuloj, bonvolu sin turni al : Rodica Todor [rodica_todor@yahoo.com]

# IFEF deziras tutmondiĝi

*Kiel multaj el niaj membroj, nia ĉefkomitatano konscias pri la nuna grava momento en la vivo de IFEF. Jaron post jaro ni konstatas malpliiĝon de la fervojistaro. Pro tio, li strebas por ke nia movado vekiĝu kaj antaŭen iru.*

*Post iom da klarigoj pri nia movado, per tiu teksto sendita en multaj medioj, Jindřich Tomíšek alvokas la interesulojn. Jen.*

I.F.E.F. estas mallongigo por Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, monda organizo de la fervojistaj esperantistoj. Ĝi estas faka, kultura organizo, neŭtrala rilate al nacieco, raso, sekso, religio, politiko kaj sociaj problemoj kun escepto de la lingva problemo en internaciaj rilatoj.

Fondita dum la 5-a UK en 1909 en Barcelono, kun interrompo de la evoluo kaj agado dum ambaŭ mondmilitoj, ĝi do kunligas la fervojistajn (kaj iujn alitrafikistajn) esperantistojn jam de pli ol cent jaroj.

La nuna IFEF refondiĝis post la dua mondmilito en la jaro 1948 en Amsterdamo kun komence 250 registritaj membroj kaj en la sama jaro oni sukcesis denove aperigi regule la revuon. Ekde la jaro 1949, IFEF aranĝas ĉiujare sian kongreson, okazantan laŭ la invito de iu landa asocio, aprobitan de la Komitato. La ĉijara 62-a IFEF kongreso okazos de la 8-a ĝis la 15-a de majo 2010 en Sofio, Bulgario.

Konstanta evoluo post la dua mondmilito karakterizas la IFEF-movadon, kaj ĝi fariĝas la plej forta kaj la plej aktiva faka organizo de UEA.

IFEF havas gravan fakan Teknikan komisionon, kiu konsistas el Sekcioj Terminara kaj Fake Aplika.

La Terminara Sekcio funkcias ekde 1950, kaj ĝi konsistas el fakuloj de la landaj asocioj, pluraj el kiuj eldonis fervojfakan terminaron. La plej granda laboro kaj rezulto de tiu Sekcio estis traduko de la seslingva surpapera faka terminaro de UIC (Internacia Fervojunio), enhavanta pli ol 15.000 pure fervojfakajn terminojn. La lasta eldono de la terminaro estas akirebla en 20 lingvoj sur CD-ROM. UIC prilaboras la difino-vortaron kaj, paralele de tiu, IFEF preparas Esperanto-varianton. De tempo al tempo la Terminara Sekcio eldonas periodaĵon por la kunlaborantoj sub la titolo "Terminara Kuriero" (TeKu). La Fake Aplika Sekcio komencis funkcii en la jaro 1959. Ĉiujare en la IFEF-kongresoj la plej grava programero estas la ĉefa prelego, kiun ĝenerale la organizanta lando preparas kaj prezentas. Ekde la jaro 1981 tiu ĉi Sekcio kompletigas la programon per la tielnomataj programeroj "fakprelegetoj". La nombro da diversnaciaj prelegantoj varias inter 6 kaj 12.

Tiuj prelegetoj informas pri la plej freŝaj fakaj novaĵoj en la koncernaj landoj. Krom tiuj ĉi kongresaj programeroj daŭre aperadas fakaj artikoloj en la revuo

"Internacia Fervojisto" aperas sesfoje en la jaro, krome ankaŭ en fervojfakaj revuoj de la landaj asocioj. Per tiuj fakartikoloj oni kontribuas al la plimultigo kaj interŝanĝo de la fakaj konoj.

IFEF ĉiujare aperigas fakan kajeron sub titolo „Fervojfakaj Kajeroj“, tiel eldonante la plej valorajn fakajn prelegojn kaj aliajn fakajn tekstojn. Ĝis nun aperis 17 tiuj kajeroj.

Grava atingo estas ankaŭ, ke pluraj landaj asocioj aperigas la klarigan tekston de la fervoja horarlibro en Esperanto.

Rimarkindas ankaŭ, ke la estraro jam eldonis la Historion de IFEF en tri okazoj, nome volumojn pri la periodoj 1909-1968 (60-a fonddatreveno), 1909-1984 (75jara jubileo) kaj Suplemento pri la jaroj 1984-1999 (90jara datreveno). Estas preparata nova kompletigita eldono de la Historio okaze de la centjariĝo de IFEF, eldonota espereble antaŭ la ĉijara IFEF kongreso en Sofio.

La 9-an de oktobro 2009 estis solene inaŭgurita en Esperanta Muzeo en urbo Svitavy, Ĉeĥio, granda ekspozicio, organizita en kunlaboro kun ĉeĥa landa asocio de IFEF kaj dediĉita al centjariĝo de la fervojista E-movado. Sur diversaj tabloj, en vitrinoj kaj ŝrankoj estas prezentitaj dokumentoj, libroj, vortaroj, fotografaĵoj, insignoj kaj aliaj memoraĵoj prezentantaj la centjaran historion de la fervojista E-movado kaj IFEF. La ekspozicio estas vizitebla ĝis somero ĉijara.

Membraro de IFEF konsistas el aliĝintaj membroj de laŭstatute organizitaj landaj asocioj, individuaj membroj el landoj, kie ne ekzistas landa asocio, honoraj membroj k.t.p. Krom plimultaj eŭropaj landoj ekzistas landaj asocioj en Ĉinio kaj Japanio, kaj individuaj membroj en kelkaj aliaj landoj kiel Britio, Nederlando, Hindio, Svislando k.t.p.

Mi alvokas fervojistajn eĉ alitrafikistajn esperantistojn aliĝi al nia fervojista E-movado, fariĝi asociaj aŭ individuaj membroj de IFEF. Pliajn informojn vi povas peti de via landa kontaktulo aŭ rekte de la ĉefkomitatano :

Jindřich Tomíšek, CZ-751 18 Říkovice n-ro 33, Ĉeĥio,
retadreso "Tomisek.ck@seznam.cz",
aŭ de la IFEF-kasisto :

Laurent Vignaud, 3 Allée du Haras, App 132, FR-49100 Angers, Francio, retadreso "laurent.vignaud@free.fr" .

Kun samideanaj salutoj

*Jindřich Tomíšek, ĉefkomitatano de IFEF*

# Okazis en internaciaj organizoj

En germana Dortmund ekde la 9-a de novembro okazis foiro "Rail 2009", pli frue konata laŭ la nomo Railtec. Enkonduka aranĝo estis diskuto pri influo de liberaligo de la naciaj fervojaj sistemoj. Partoprenis la diskuton la ĉefo de DB AG Rüdiger Grube, la ĝenerala direktoro de RŽD Vladimir Jakunin, la vicprezidanto de la Eŭropa Komisiono kaj komisiito por trafiko Antonio Tajani kaj la plenuma direktoro CER Johannes Ludwig. En la diskuto aperis opinioj, ke liberaligo estas necesa, tamen ne ununura kondiĉo por disvolviĝo de la fervoja fako. La bezonatan konkurencon kaj partoprenon en la merkato oni ne atingos sen sufiĉa amplekso de investoj en fervojan infrastrukturon.

Similaj demandoj estis diskutataj ankaŭ en neformala renkonto de trafikministroj de Germanio, Pollando, Luksemburgio kaj Bulgario kun partopreno de la ĝeneraldirektoroj de la eŭropaj fervojoj. CER dum diskuto prezentis resuman amplekson de la fervojaj investoj en la 27 landoj de EU. El tiu ĉi, rezultis, ke inter membrolandoj, precipe en meza kaj orienta Eŭropo, la situacio estas tre drama.

La propran foiron "Rail 2009" partoprenis pli-malpli 200 ekspoziciantoj. Politika reprezentado de EU povus celadi al pli malferma kaj transparenta dialogo inter unuopaj konsistaĵoj – tia estis ferma akto de la komuna kunsido de CER kaj reprezentantoj de la sveda prezidanteco de EU la 11-an de novembro. La proponoj de la unuopaj leĝdonaj disponoj de EU indus esti publikigitaj en la komenca periodo kaj la kurantaj konsultaj mekanismoj je nivelo de ĉiuj organoj de EU indas disvastigon. Tio ebligos al la politikistoj profiti la spertojn de reprezentantoj de la firmaoj kaj industriaj asocioj kaj ne fari senutilajn administrajn malhelpojn.

Konsultrilatoj inter CER kaj la sveda prezidantaro ebligis detalan analizon de eblaj plibonigoj enkadre de leĝdona procedo de EU. La plenumdirektoro de CER Johannes Ludewig emfazis, por ke la eŭropa merkato ne estu senbezone reguligata sen konsultoj de reprezentantoj de la koncerna fako je ĉiuj niveloj. Li argumentis per fakto, ke ĉe unuopaj rolantoj en la merkato funkcias memregulado en kadro de regula konkurenca batalo. Kiel ekzemplon li montris memvolan malgrandigadon de noca emisiado de $CO^2$ en fervoja sektoro rilate la atendatajn limigojn fare de preparata konferenco en Danio.

Tagon pli poste okazis en Eŭropa Parlamento renkonto je temo Enkonduko de grandkapacitaj varaŭtomobiloj (“megatruck“). Kiel gasto en la kunveno de la komitato por trafiko sub gvido de ĝia nova prezidanto, Brian Simpson (Britio) estis ĉefo de kabineto de la komisaro Tajani Antonio Preto. De lia flanko oni aŭdis gravan antaŭtimon pro larĝskala enkondukado de tiu ĉi tipo de la trafikilo, kiu kontraŭstaras klopodon cele al malaltigi nocajn emisiojn en sektoro de vartrafiko. Megavaraŭtomobiloj laŭ lia opinio plialtigus nivelon de elsendoj de nocaj substancoj ; male, leĝdonaj instrumentoj por transiro de varoj al trakaro li montris kiel ununuran varianton por nova Europa Komisiono.

*Laŭ Železničář (La Fervojisto 4/8/2009)*
*esperantigis Jindřich Tomíšek*

# Aŭtomobilo kiel tiu de Fantomas aĉetebla jam venontjare!

Ĉu vi, spektante la francan filmon "Fantomas koleras" admiris lian aŭtomobilon, kiu neatendite fariĝis aeroplano ? Jam venontan jaron vi povos aĉeti ion similan. Aŭ vi ne kredas ? Kredu !

## La unuaj aŭtomobiloj jam havas siajn posedantojn



La usona kompanio *Terrafugia* ja konstruis novan prototipon de trakciilo kun aloj. Kun la nomo *Transition* prezentas sin aŭtomobilo de moderna aspekto kaj unikaj funkcioj. La projekto estis inspirata per spertoj de la aeroplangvidistoj mem en




kunlaboro kun evoluigaj konstruistoj el la instituto M*assachusetts Institute Of Technology* en *Cambridge.*

Pri la saĝa inventaĵo, kiun oni sukcese elprovis en marto 2009 kaj kiun oni preparas transdoni al la merkato en la jaro 2011, estas granda interesiĝo, malgraŭ la fakto, ke ĝiajn unikajn kvalitojn oni enkalkulis en la prezo. Tiu ĉi estos ĉirkaŭ 148.000 US$.

**De ŝoseo en aeron kaj reen**

"Fluganta" aŭtomobilo povus faciligi la ŝosean trafikon. Laŭ kreintoj de la unika trafikilo, la homo matene povus elveturi el la propra garaĝo tiel, kiel li ĝis nun kutimas, do sur kvar radoj. Sur la aerodromo, per speciala ŝaltilo, oni etendas la alojn. La veturilo povos flugi per rapido de 200 km/h, sur ŝoseo la normalan trafikon ĝi sekvos.

**Ĉu okazos ŝtopiĝoj ankaŭ en aero?**

Ĉiu revolucia novaĵo alportas avantaĝojn sed ankaŭ mankojn. Pro disetendiĝo de la aloj oni ne povos flugi kie ajn. La spaco estas malgranda : la kabino dusidloka kaj por la valizoj restas nur eta angulo. Problemo de sekura trafiko : en ŝoseo ekzistas "mankoj", ĉu en aero ĝi pli aĉiĝos ?

Tio certe estas nur kelkaj el la problemoj, kiujn oni devas pripensi antaŭ ol konstrui "flugantajn" aŭtomobilojn. Ni tamen restu trankvilaj kaj restu ankoraŭ iun tempon "surtere".

Teksto kaj fotoj laŭ *Terrafugia,*
*esperantigis Jindřich Tomíšek*

# Grandrapidaj trajnoj Sapsan trafikas en Rusio

Vendredon,la 18-an de decembro 2009, sur la plej prestiĝa fervoja linio inter Moskvo kaj Peterburgo, komencis kun pasaĝeroj „flugadi“ Migranta Falko, ruse Sapsan (*Siemens Velaro RUS*). Rusio tiumaniere fariĝis la naŭa membro en la Klubo de la grandrapidaj fervojoj.



La nova motorvagon-kombinaĵo EVS de la germana kompanio Siemens tiamaniere solene inaŭguris regulan ekspluatadon. Ĝi estas konstruita tiamaniere, ke **sur** konvena fervoja linio povas eĉ en la plej severa rusa vintro veturi per rapido ĝis 300 km/h.

Siajn kapablojn (maksimuman rapidon 330 km/h) ĝi tamen sur 640 km-ojn longa linio ne povas uzi plene, kiam sur 50 km ĝi veturas per maksimume permesita rapido 250 km/h, pliajn 200 km poste per 200 km/h. Dank´ al enkonduko de tiaj  trajnoj mallongiĝis veturtempo de 4 horoj kaj 30 minutoj al 3 horoj kaj 45 minutoj. Ĝis nun tiun ĉi fervojlinion priservis ekskluzive elektraj lokomotivoj *Škoda 66E* (*Plzeň,* Ĉeĥio) kun maksimuma rapido 200 km/h. Unu el tiuj ĉi lokomotivoj en testado de la supre menciata linioparto atingis en la jaro 2006 rapidon de 262 km/h. Sapsan sur la sama itinerparto atingis en la jaro 2009 rapidon de 290 km/h.

Sur tiu linio veturos dumtagaj kaj dumnoktaj trajnoj. Sur la samaj trakoj ankaŭ veturos malrapidaj pasaĝertrajnoj, longaj noktaj litvagonaj trajnoj (ordinare po 20 vagonaj) kaj vartrajnoj.

Enkonduko de la grandrapida trafiko en tiuj ĉi kondiĉoj provokis precipe en periodo de provveturoj certajn limigojn. Veturo de aliaj trajnoj dum “flugo” de la aluminia Migranta Falko estis haltigitaj. Regionan pasaĝertrafikon oni anstataŭis per aŭtobusoj kaj vartrajnoj restis starantaj en fervojaj stacioj. Sapsan dum provveturoj ordinare „flugadis“ per rapido 270 km/h.

*Esperantigis Jindřich Tomíšek*

# Eksterordinaraĵoj de la fervojlinio



Fervoja linio inter Moskvo kaj Sankta Peterburgo havis jam dum sia konstruado elstaran trak-traceadon, kiu ankaŭ nuntempe ne estas obstaklo por grandrapida trafiko. Pli ol 90% da liniolongo estas rekta. Laŭlongaj deklivecoj plej ofte atingas maksimume 5 promilojn (linioparto kun maksimuma dekliveco de 8 ‰ longas 12 km-ojn) kaj trakokurbiĝoj estas plejparte grandradiusaj. La fervojlinio malfermita al trafiko en 1851 konvenas por enkonduki grandrapidan trafikon modernigante la linion en du etapoj.

La motorvagonkombinaĵo EVS konsistas el 10 vagonoj, t.e. duoblo ol ĉe ĝiaj eŭropaj samspecanoj, ĉar pasaĝerkajoj de rusaj fervojoj estas pli longaj. La rusa fervojo havas ŝpuron de 1520 mm (antaŭe 1524 mm).

Trafiko per rapido 250 km/h nun eblas nur sur unu trako de la linioparto *Okulovka – Mstinskij Most* kun longo de 48 km-oj en la direkto al Sankta Peterburgo, kie estas elasta relfiksado sur ŝpaloj de la angla firmao PANDROL. Sur proksimume 550 km-oj de la linio, la rapido ne povas superi 200 km-ojn hore.

Sur la fervoja linio tamen restas traknivelaj pasejoj (sama problemo kiel ĉe iuj aliaj fervojaj koridoroj, ekz. en Ĉeĥio). Sur la fervoja linio Moskvo – Sankta Peterburgo ili tamen estas (same kiel sur la tuta reto *RŽD*) pli sekuraj – krom barieroj ili havas en la ŝoseo enkonstruitajn ŝtalajn leveblajn/malleveblajn trabojn, kiuj en normala pozicio la ŝosean veturon permesas.

*Esperantigis Jindřich Tomíšek*

# El fervojista mondo 1/2010

## *Rumanaj fervojoj maldungas*

Tre ŝuldoŝarĝitaj Rumanaj ŝtataj fervojoj (CFR) decidis ankoraŭ antaŭ fino de 2009 maldungi pli ol dekmil el siaj dungitoj, kiel anoncis la agenturo *Mediafax.* La rumana registaro tiucele preparis koncernajn leĝregulojn. Por maldungitoj en pasaĝera kaj en vara trafikoj estis garantiata koncerna kompenspago, kiu dum 20 ĝis 24 monatoj kompensos la diferencon inter salajro kaj socialaj depagoj por senlaboruloj. Rumanaj sindikatoj kontraŭ maldungo protestis eĉ minacis per striko.

## *Anonco de bezono por cargo denove plialtiĝos*

Post la kriza jaro 2009 oni prognozas, ke ĉijara anonco de bezono por vara transporto en Germanio denove plialtiĝos. Kiel rezultas el la publikigita prognozo, kapacito de vartransporto kompare al 2009 plialtiĝos je 1,3 procentoj. La plej altan altigon laŭ prognozo povas atingi la fervoja vartransporto, sur ŝoseoj alkresko estos proks. kvinoble malpli alta. Estas tamen necese rimarkigi, ke fervoja vartrafiko  estis pro krizo plejmulte trafita. La totala trafikkapacito de vartrafiko en Germanio ĉijare povus malkreski per 6,3 procentoj.

## *Varaŭtomobiloj estos transportataj sur fervojo*

Itala trafikministro *Altero Matteoli* kaj lia franca kolego *Dominique Busserau* subskribis interkonsenton pri projekto nomata *Autostrada Ferroviaria Alpina.* Dank´ al ĝi estos ĉijare transportotaj centmil varaŭtomobiloj el Italio al Francio trans Alpoj sur trakoj. Tiucele oni decidis anonci internacian elekteblecon por trovi ekspluatanton de tiu ĉi servo, kiu komencos funkcii jam ĉijare. Tiu ĉi eksperimento aperis en la jaro 2004 kaj jam nun trafikas tage ok trajnoj tra la tunelo Fréjus.

## *SBB plialtigas rezulton de la konzerno*

Svisaj federaciaj fervojoj (SBB) sukcesis en la 1-a duono de 2009, kompare kun la sama periodo de la jaro 2008, plialtigi financan rezulton de la konzerno je 26,8% al 132,8 milionoj da svisaj frankoj (CHF). Ĉefan meriton pri plibonigitaj rezultoj alportis pasaĝertrafiko. Kontraŭe, la vartrafiko SBB Cargo plene perceptis sekvojn  de ekonomia krizo, ĉar ĝia transporta kapacito malkreskis per 16,6%. La plej gravajn transportperdojn oni notis en transportado de ŝtalo, fero kaj ankaŭ ligno.

. *Kompilis Jindřich Tomíšek*

# Karstaj Tagoj 2010

Triesto atendas vin, deziranta prezenti sian unikan teritorion.
La kalkoŝtona altebenaĵo, ĉizita de feinaj manoj, fascinos vin per siaj turitaj ŝtonaj kasteloj.
Ni invitas vin al esplorado de Karsto,
kie akvogutoj kaj vento modlis plej fantastajn figurojn.

## Printempa renkontiĝo : 29 majo – 1 junio 2010

**Vendredon la 28-an de majo :** alveno de partoprenantoj, vespermanĝo kaj nokta promenado tra la urbo

**29, 30, 31 majo – 1 junio 2010**

Sabaton la 29an de majo, 9h00 : per la tramo de Opicina al Obelisco: vizito subtera ĉe kampadejo *Obelisco*; promenado laŭ la *Napoleona vojo* ĝis Prosecco; tagmanĝo; reveno al la urbo, mallonga itinero tra la urbo. Vespere: koncerto en Salono Beethoven (Duo Aelia: Ines Gegprifti, Albanio – fortepiano; Egle Jarkova, Litovio – violono) .

Dimanĉon la 30an de majo: ekskurso al Basovizza (Forsta Didaktika Natur-Centro), piedirado al karsta valo Rozandra, piknika tagmanĝo; rifuĝejo Premuda kaj vespermanĝo.

Lundon la 31an de majo: Vizito de "Karsta Domo", fortikaĵo de Monrupino, "Turegoj de Monrupino"; tagmanĝo; promenado laŭ Pado Rilke kaj vizito de Kastelo de Duino. Libera vespermanĝo.
Vespere (21h00-21.h30) en Prosecco: "La stelbrila ĉielo de Triesto".

Mardon la 1an de junio: matene: Preĝejoj de Triesto; tagmanĝo kaj foriro.

Pluajn detalajn informojn petu de : "nored@tiscali.it" aŭ "testudo.ts@gmail.com"

aŭ poŝte: Triesta Esperanto-Asocio – Via del Coroneo 15 – IT-34133 Trieste

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*62-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "



# Renkontiĝo de la fervojistoj en Pécs (Hungario)

Profitu la nunjaran amikan someran kunvenon en Pécs por viziti unu el la kulturaj ĉefurboj de Eŭropo.

Antaŭ la dua mondmilito Ilonka Fiedler estis la plej persista propagandisto de Esperanto en Pécs. Adalberto Huleŝ, renoma esperantisto kaj verkisto (kun verkaro Esperanta kaj hungara), vivis en la urbo de 1964 ĝis 1979. Li gvidis tie diversnivelajn kursojn de Esperanto; en la jaroj 1968-1969 li instruis Esperanton en la tiutempa pedagogia altlernejo. En la urbo okazis la 22-a Internacia Junulara Kongreso en 1966. Ekde tiam Pécs havas Esperanto-parkon.

Ni partoprenos en diversaj programoj de la urbo kaj organizos vizitojn de historiaj rememorajôoj (parte elfositaj aŭ parte sub la tero) kaj ni donas eblecojn por viziti la diversajn, interesajn urbojn aŭ vilaĝoj ĉirkaŭ Pécs. La amikan renkontiĝon ni organizas de la 2 ĝis la 4 de julio 2010.




*Memortabulo en la parko*

Detalajn informojn mi povas doni per mia retadreso : moroa@freemail.hu

Se vi havas emon por viziti la urbon kaj regionon dum alia tempo, kaj ne havas sufiĉajn informojn pri la loĝeblecoj, trafikeblecoj, vidindaĵoj ktp. de tiu ĉi regiono, la esperantistoj de Pécs volonte helpos vin.

Por tio eluzu mian supran retadreson.

*Elkore salutas*

*Alfonz Moró*